


# INTERNACIA FERVOJISTO

2000 . 3/4




Elektrolokomotivo de MÁV tipo V63 funkcianta per tiristoro.

## Nova Ret-informservo de IFEF

Sub la impulso de nia prezidanto, D-ro Romano Bolognesi, nova informservo pere de Interreto nomata **"Ret-Internacia Fervojisto"** permesas al la Ret-ricevantoj rapide scii informojn pri viaj agadoj, kunvenoj ktp.
Se vi deziras :
- uzi tiun servon,
- esti abonricevanto de tiu reto,
- malaboni tiun ricevanto-slipon,

sufiĉas rete, fakse aŭ poŝtletere informi min pri via sciigo aŭ deziro.

Mian adreson bonvolu vidi en la kolofono lastpaĝe de IF.

La redaktoro



## Faka lingvo en IF

Fervojistoj de komence strebis pri fervojfaka vortaro. Vortaro estas post longjara, penega laboro, preta antaŭ dek jaroj. Pli poste, aperis dua vortaro -Rail-Lexic -. Ambaŭ enhavas miloj da fakaj terminoj.

Bedaŭrinde iuj aŭtoroj ignoras aŭ ne konas ilin kaj misuzas multajn terminojn aŭ kreas novajn. Tio ne estas ĝusta vojo al unuigo de fervojfaka lingvo. Mi, per kelkaj ekzemploj, deziras atentigi al eraroj.

Frazo : La trajno veturas el stacidomo Vieno al Berlino! Estas erara "stacidomo". Stacidomo estas konstruaĵo en stacio / fervojstacio / kun oficejoj, pro fervoja personalo, ejoj por pasaĝeroj kaj diversaj aliaj ejoj, /restoracio, razejo, florvendejo k.s./. En frazo devus esti ***stacio!***

Itinero estas bone difinita en PIV-Suplemento, havas nocion : vojo de pasaĝero, de varo /transportvojo/ ***neniam*** iu fervojan konstruaĵon. Fervojaj konstruaĵoj inter unuopaj lokoj estas ***relvojo.*** Ankaŭ "linio kaj fervojlinio" en senco de konstruaĵo estas eraraj. Ili estas konekto inter lokoj uzebla en trajnhoraro k.s. ekz. linio Berlin - Paris aŭ granddistanca linio Varsovio -Vieno - Romo sur polaj - ĉeĥaj - aŭstraj kal italaj ***relvojoj.***

Valizo estas manportebla kofreto por dokumentoj kaj necesaj ĉemanaj bezonaĵoj de pasaĝero, tre malofte ekspedataj kiel bagaĝo ; Do, eraro estas uzadi ĝin en nocio de bagaĝo.

Estas bezonate, ke aŭtoroj pli laboras laŭ aperintaj fakaj vortaroj, ke unuiĝo de fakaj terminoj progresas.

Slava David

***Elektra lokomotivo de MÁV (tipo V63) funkcianta per tiristoroj en stacio Budapest-Kelenföldi***

## Enhavo




# Recenzo de la 52-a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Asocio en Budapeŝto (Hungario)

La 4-an fojon la hungaraj fervojistaj esperantistoj starigis en sia lando Internacian Fervojistan kongreson, kies slogano estis **"Eŭropo bezonas fervojon"**. Tiu lasta okazis en la ĉefurbo Budapeŝto de la 13-a ĝis la 19-a de majo. Ĉeestis 277 partoprenantoj el 25 landoj. La partoprenantoj ĝuis la kaplablon de la organizantoj kunordigi la diversajn kongreserojn. Eĉ la suno, per 31 gradoj ĉeombre, plezurigis la ĉeestantojn dum la tuta semajno. Poste sekvis postkongreso en okcidenta parto de Hungario.

***Jen la sinsekvaj eroj de la tutsemajna kongreso.***

**Sabate la 13-an de majo**

Akceptejo funkciis la tutan tagon en la stacidomo "Keleti". Gvidataj de zorgemaj gvidantoj, la pertrajnaj alvenintoj direktiĝis al la akceptejo por ricevi la porkongresan materialon. Post iom da ripozo ĉiuj kunvenis en la kongresejon por renkonti geamikojn dum la "Interkona vespero".

Antaŭtagmeze okazis la "Gazetara konferenco" en kiu alvenis tri ĵurnalistoj. Tiu de la taga gazeto Mai Nap (Hodiaŭa Tago) ricevis specialan intervjuon de S-ro István Gulyás, prezidanto de la Hungara Fervojista Esperanto Asocio kaj de LKK.




*D-ro G. Bajnai vic-generaldirektoro de MAV bonvenigas la kongresanojn*

**Dimanĉe la 14-an de majo**

***Ekumena diservo***

Je la 8-a horo la kongresanoj rapidis al la apuda romkatolika preĝejo, kie la parohestro, en perfekta Esperanto, celebris la ekumenan diservon. Pli ol 120 kongresanoj partoprenis ĝin kaj ricevis zorgeme preparitan liturgion.

***Inaŭguro***

Je la 10-a horo komenciĝis la solena inaŭguro de la kongreso en la granda halo de "Hotel Stadion". Inĝ Gulyás per varmtonaj vortoj salutis la prezidion kaj la 200 kongresanojn. Post bonvenigaj paroladoj de la ĉepodiaj invitintoj, dum paŭzo, naŭ-kapa kamerorkestro de Fervojista Muziklernejo prezentis el la komponaĵo de Vivaldi sub titolo de "Kvar Sezonoj" la parton "Printempo". Tiun, sekvis la salutvortoj de la reprezentantoj de la landaj asocioj.

Poste, S-ro D-ro Romano Bolognesi prezidanto de IFEF dum festparolo anoncis, ke la IFEF-estraro nomumis Honora Membro de IFEF S-ron Jaroslav DAVID de Ĉeĥio kaj János Patay de Hungario por ilia plurjardeka rezultohava grava kunlaboro. Ununura ĉeestanta akceptato, János Patay, tre surprizita, per emociaj vortoj dankis pri la distingo.

Per la sono de Esperanto-Himno finiĝis la inaŭguro.

***Faka komisiono***

Posttagmeze okazis grava kunsido de la Faka Komisiono gvidata de la ĉefkomitatano


*János Patay dankas pri sia distingo*

S-ro Jindřich Tomíšek. Post laŭstatuta balotado estis elektitaj:
- S-ro Jan Niemann kiel gvidanto de la Faka Komisiono,
- D-ro Heinz Hoffmann kiel sekretario de la Terminara Sekcio,
- Inĝ Ladislav Kovář kiel sekretario de la Fake Aplika Sekcio.

***Urbovizito***

Je la 14-a, 93 kongresanoj enbusiĝis por viziti la urbon. Post trarigardo de ĉefaj historiaj monumentoj en Pest, aŭtobusoj veturigis la vizitantojn al la malnova urbo Buda. Tiu rapida rondvizitado tra la urbo riĉigis la vizitantojn per multaj belaj vidindaĵoj.

***Nacia vespero***

Vespere, specialaj aŭtobusoj veturigis al la Ĉefurba Kulturdomo de Budapeŝto la kongresanojn, kiuj ĝuis tutan prezentadon anoncitan de Éva Farkas-Tatár.Ni spektis riĉan programon rilatantan al orkestro "Pro Musica", dancensemblon "Törekvés".

Reirante al la hoteloj, la aŭtobusoj ĉirkaŭveturis la monto-pinton sur kiu staras la citadelo de Buda. De tiu supraĵo la kongresanoj ĝuis agrablan superrigardon al la iluminita Budapeŝto.

**Lunde la 15-an de majo**

***Duontaga ekskurso al infanfervojo***

Posttagmeze okazis duontaga ekskurso, kiu ebligis al la partoprenantoj viziti la etan muzeon de la infanfervojo . Ĝi prezentas pli ol kvindek-jaran historion de tiu porinfana fervoja lernejo. Poste, per speciala trajno, la kongresanoj traveturis la tutan linion. Dum vojo ni interrompis nian vojaĝon en stacio, kie knabino salutis nin en esperanto. Sekvis gastigo pere de sandviĉoj kaj refreŝigaj trinkaĵoj. Post paŭzo, ni denove entrajniĝis ĝis finhaltejo, kie aŭtobusoj atendis nin. Dum la reiro al la hoteloj, denove la aŭtobusoj gvidis nin al la citadelo, de kie ni ĝuis agrablan panoramon al la suba urbo Budapeŝto kaj riverego "Danubo".

**Marde la 16-an de majo**

***Plenkunsido***

En la unua parto de la plenkunsido la komitatanoj aprobis la dimanĉan balotadon laŭ kiu oni elektis la novan ĉefkomitatanon Jindřich Tomíšek kaj la anstataŭantinon inĝ Magdalena Feifiĉova. Per plenaj aplaŭdoj, la ĉeestantoj honoris Dieter Hartig por lia kvaronjarcenta laboro kiel responsulon de la terminara laboro kaj kiel redaktoron de TeKu kaj Jan Niemann (Danio) kiel novan gvidanton de Faka Komisiono.

La komitato akceptis, ke la venonta kongreso en jaro 2001 okazu en ĉeĥa urbo Tábor. Pri la sekvaj jaroj, la komitato akceptis provizore Bulgarion kiel kongreslandon en 2002. Por organizi la 55-an IFEF-kongreson en jaro 2003 anoncis sin Rumanio.

Rilate al skisemajno, la venonta okazos (20-26/01/2001) en Tatranska Lomnica (Slovakio). Por la sekvantaj sin proponis Rumanio por jaro 2002 kaj Ĉeĥio por jaro 2003.

En la nomo de la UEA-estraro D-ro Petro Chrdle alte taksis la laboron de IFEF.

***Bankedo kaj internacia balo***

La vicgeneraldirektoro de Hungaraj Ŝtatfervojoj D-ro Gábor Bajnai honoris la kongreson per sia ĉeesto. Li portis toston al la kongresanoj, kaj petis, ke, kiam ili rehejmiĝos al siaj landoj, ili bonvolu sciigi al siaj amikoj, konatuloj kaj aŭtoritatuloj, ke en la mezo de Eŭropo ekzistas malgranda popolo deziranta rapide aparteni denove al Eŭropo.

La balo daŭris ĝis noktomezo en bona atmosfero dank'al la bonkvalita orkestro.

**Merkrede la 17-an de majo**

***Tuttaga ekskurso al Eger***

Per speciala trajno la kongresanoj ek-



*Alveno de la kongresanoj al Baziliko en Eger*

eĉ de la prezidanto de LKK mem. Bedaŭrinde la tempo rapide fluis kaj ni tuj ekiris al la stacidomo por ke nia speciala trajno al Budapeŝto trafiku laŭhorare. Multaj plendoj estis aŭdeblaj pro la frua forlaso de la ĉardo.

veturis al urbo Eger, kie ili estis akceptitaj per E-flagoj sur la fronto de la stacidomo kaj bonvenigitaj de lokaj esperantistoj per laŭtparolilo.

Post mallonga piedirado, la partoprenantoj atingis la Bazilikon, kiu laŭ grandeco estas la dua en Hungario.

En la Baziliko niaj amikoj el Eger donis detalajn informojn pri la konstruado kaj tiuj artmemoraĵoj troveblaj tie.

Post la Baziliko ni vizitis la ĉefepiskopan bibliotekon. La biblioteko havas Esperantan lingvan informilon, kiun la partoprenantoj trovis en tiu skriba materialo. Interesa fresko montris la eventojn de la sinodo en Konstanzo antaŭ kvarcent jaroj.

Post mallonga promenado ni atingis la ĉefplacon de la urbo, kie ni vizitis la barokstilan preĝejon de la ordeno de minoritoj.

Sekvis la plej malfacila parto de nia promenado, kiam ni proksimiĝis al la fortikaĵo. Tie ni vizitis la kazematon - kie la temperaturo estis agrable malvarma - poste, tiuj kiuj deziris, havis eblecon viziti ankaŭ la galerion. Aliaj ripozis.

El la fortikaĵo ni veturis per specialaj aŭtobusoj en la faman lokon de Eger, kies nomo estas Belulinvalo. Tie, ni tagmanĝis kaj gustumis diversajn bonajn vinojn produktitajn en la Eger-a vinregiono. Altigis la valoron de la tagmanĝo la "keloperkelto" servita de la kelneroj kaj

**Ankaŭ okazis**

***Radio-elsendo***

Preskaŭ ĉiuj eŭropaj landoj estis kontaktitaj, eĉ oni sukcese parolis kun radioamatoraj stacioj de Argentino, Brazilo, Suda Afriko, Madeira - insuloj, Koreo, Ĉinio, Etiopio, Jordanio, Kuvajto, Mongolio kaj Hindujo, entute oni nombris 450 kontaktojn el sesdek kvin landoj.

***Fakprelego***

La fakprelego de ***D-ro József Halàsz*** temis pri *"Problemo de la Hungaraj ŝtatfervojoj - la traknivelaj pasejoj"*. Ĝi alportis al la atenta aùskultantaro multajn informojn kaj konojn pri la problemaro. Estas aprezinde, ke D-ro Halàsz enkonduke klarigis la fakajn nociojn, demonstraciis la terminojn per lumbildoj kaj klarigis la problemojn el diversaj vidpunktoj : teknika, sekureca, ekonomia, jura kaj historia.

Dum paŭzo, kiun anticipis projekciado de sentitola kolora filmo, pluraj aŭskultantoj reagis al la prelego per kompletigaj demandoj kaj fakaj respondoj de la prelego : problemo de novaj trapasejoj, ilia prezo, klarigo pri neklara teksto, pri transira kurso kaj eĉ proponoj, kiel teknike solvi iujn problemojn (pli altaj reloj en trapasejoj por bremsi rapidon de aŭtoj). La filmo profundigis la akiritajn konojn, montris en la realo la akcidentojn (eĉ la unuan historion - ĉevalon kun lokomotivo), la situacion, la teknikajn solvojn.

La filmprezenton sekvis vigla diskuto ekzemple pri videoaparatoj (kameroj) sur fervojaj trapasejoj.

Koran dankon, al D-ro Halàsz pro la valora faka prelego, ĝi malfermis novan horizonton en la konoj al multaj ĉeestantoj.

***Fervojaj novaĵoj***

Post la faka prelego la antaùtagmeza fakprelego daùris per vico da pluaj prelegetoj.

***S-ro Ernst Glättli*** el Svislando prelegis pri *la elektrizado de la Svisa Fervojreto*. Tre atentokapta prelego pri la tre interesa historio de klopodoj transiri al kompleta kurento-provizado de la lokomotivoj, la problemoj kun elektroenergio, eltrovaj, interesaj teknikaj solvoj (novtipaj elektrejoj, frekvenckonvertiloj, altmontaraj akvoelektrejoj kun ekstrema potenco dum energetikaj pintoj kun pelto-turbinoj en monto (Amsteg) apud la rivero Rouss. La prelego estis ilustrita per (propramane faritaj!) diapozitivoj.

***S-ro Henning Olsen*** el Danio prelegis pri *la planoj rekonstrui la danan fervojon.* La aŭskultantoj eksciis multajn historiajn faktojn kaj novaĵojn pri iom malfacilaj klopodoj plirapidigi kaj plimodernigi la danajn fervojliniojn.

***S-ro Emil Tudorache*** el Rumanio informis pri *la komplekso Galac en Rumanio*, kiu ligis la fervojan, la ŝipan kaj la transliman (larĝŝpuran) trafikojn.

***S-ro Jindřich Tomišek*** el Ĉeĥio alportis interesajn novaĵojn pri la *internacia (ĉeĥa-hungara) projekto "motorkompleto por la Hungaraj Ŝtatfervojoj MÁV"* kunlabore kun ĉeĥa vagonfabriko ČKD Studenka kaj MVJ Szombathely konata, kiel "InterPici". La lokomotivo ricevis la dizajnon de aktoro-skulptisto, Jiri Spaninel. Sekvis detala priskibo de la lokomotivo destinita al etaj fervojlinioj, ekipaĵoj.

***S-ro Jan Uldal Niemann*** el Danio (la novelektita gvidanto de Faka Komisiono) raportis pri TeKu kaj ties nova redaktora triopo.

***S-ro Hoffmann*** el Germanio, la sekretario kaj redaktoro, ***S-ro Olsen*** el Danio kiel ĵurnalisto kaj "antaŭenpuŝanto" por havigi la artikolojn kaj ***S-ro Henning Hauge*** el Danio fermas la redakcian triopon zorgante pri la lingva nivelo kaj korektado.

***S-ro Ladislav Kovar*** el Ĉeĥio invitis la partoprenantojn verki kontribuaĵon por la sekva 53-a Kongreso de IFEF, okazonta de la 12-a ĝis la 19-a de majo 2001 en la ĉeha urbo Tábor.

***S-ino Terezi Kapiŝta*** el Jugoslavio ĉe la fino de la antaŭtagmeza programo prezentis televidan filmon "Nostalgio" pri la malnova trajno "Ĉiro en Mokra Gora", Jugoslavio, kiu laù profetaĵo "Revenas, sed ne por profito, sed por la gojo".

***Akcepto ĉe la direktoro de Hungaraj Ŝtatfervojoj***

La direktoro de la Budapeŝta Direkcio de Hungaraj Ŝtatfervojoj AK, S-ro Lajos Ábrahám invitis kvindeknombran delegacion okaze de la 52-a Internacia Fervojista Kongreso en Budapeŝto. La solena akcepto okazis en la salono de la Budapeŝta Direkcio jaŭde posttagmeze je la 14-a.

Dum solena alparolo, S-ro L. Ábrahám rememoris pri siaj propraj travivaĵoj lige kun Esperanto : en junaĝo lia ĉefo estis esperantisto (la karmemora István Bálint) kaj, plia motivo por ekstudi Esperanton estis ĉarma filino de la ĉefo esperantista... Sed pro ŝanĝo de dejorloko la lernado ne okazis. Tion li nun multe bedaŭras.

S-ro Ábrahám antaŭ solena tintado per ĉampanjo kaj impresa gastigo transdonis al prezidanto de IFEF, d-ro Romano Bolognesi novan fervojan terminaron kvarlingvan, kiun la IFEF-prezidanto rekompencis per niaj, pli modestaj esperantaj (sed certe ne malpli gravaj) eldonaĵoj.

*(Grandparte eltirata de la kongresa kuriero)*




# 53-a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

**12-a /19-a de majo 2001 en Tábor, Ĉeĥa Respubliko**

Kontaktebloj :

LKK de IFEF-kongreso, Anglická 878, CZ-25229 Dobřichovice
Telefono : + 420-2-991 2201, fakso : + 420-2-991 2126
Retpoŝto : ifef-kongreso@kava-pech.cz

Karaj gesamideanoj

Ĉeĥaj esperantistaj fervojistoj kore invitas vin por kongresumi en historia urbo Tábor situanta en bela pejzaĝo de Suda Bohemio. En la ĉirkaŭajo troviĝas multaj historiaj memoraĵoj, ankaŭ koncerne fervojon : la unua ĉevalfervojo en la Eŭropa kontinento ja kunis sudbohemian urbon Českě Budějovice kun la aŭstria Linz kaj la unua elektrizita fervojlinio en Ĉeĥio inter Tábor kaj Bechyně. Kiu venos, certe ĝuos ne nur la tr adicie riĉan programon sed ankaŭ belecon de nia lando kaj riĉecon de ĝia kulturo.

La ĉeĥa esperantistaro kaj fervojistaro

**Supraĵa rigardo al la turisma programo**
*Antaŭkongreso* en Prago de la 9-a ĝis la 12-a de majo 2001
*Dum la kongreso* eblas partopreni diversajn ekskursojn :
- Piedpromenadon tra la urbo Tábor,
- De Tábor al Bechyně per la unua elektrizita fervoja linio en Ĉeĥio,
- Českě Budějovice - Orhada - Hluboka
- Laŭ spuroj de la ĉevalfervojo : Bujanov - Kreschbaum - Rybnik
- Český Krumlov - Prachatice -Holašovice
- Jindřichův Hradec - Třeboň - Telč

*Postkongreso* en okcidentbohemiaj banlokoj de la 18-a ĝis la 22-a de majo 2001.

**En la venonta revuo pli da kongresaj informoj aperos.**

**Kaj nun, ek al la venonta IFK en Tábor !!!**

*Jam aliĝis 39 partoprenantoj el 14 landoj (Aŭstrio, Belgio, Nederlando, Norvegio, Francio, Italio, Slovakio kaj Jugoslavio).*



# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 1999

Surbaze de la demandilo, la landaj asocioj preparis sian jarraporton pri la jaro 1999. Nur Nederlando, - kiu jam en 1999 ankoraŭ agadis - kaj, kiel kutime, Svedio ne sendis raporton.

*1. La landaj asocioj*

La membraro de la landaj asocioj nombras 3200 membrojn, malpli ol en la antaŭa jaro. La landaj asocioj raportas pri 1030 IFEF-membroj inter la fervojistaj esperantistoj, ĝi montras malkreskon je 120 membroj. Ĉi tiuj indikoj ne enhavas la du landajn asociojn, kiuj ne sendis jarraporton. IFEF ankoraŭ havas kelkajn individuajn membrojn, kiuj ankoraŭ ne estas enkalkulitaj en tiuj indikoj. Sed tamen mi povas konstati, ke la membro-nombro de IFEF malkreskas.

La nombro de la emeritoj inter la IFEF-membraro estas preskaŭ 70 - 75 %, same kiel en la pasintaj jaroj.

La landaj asocioj entute havas 102 grupojn, 8 malpi ol en la antaŭa jaro.

Por la jaro 2000 la landaj asocioj planas konstante saman membro-nombron, kiu en kelkaj landoj malkreskos, kaj en aliaj kreskos.

Inter la membraro de la fervojistaj esperantistoj en naŭ landaj asocioj ni povas nombri entute 230 nefervojistojn aŭ aliajn trafikistojn. Inter ili en Italio ĉirkaŭ 70, en Hungario 50, en Svislando 33, en Kroatio 27 kaj en Ĉeĥio 21, eĉ en Germanio 12 troveblas. Tiu indiko montras, ke la landaj asocioj de IFEF estas malfermitaj por aliaj trafikbranĉaj laboristoj aŭ nefervojistoj.

*2. Plenumo de la komitato-decidoj*

Dekses landaj asocioj raportas pri la efektivigo de la decidoj de la komitato de IFEF.

En la kadro de "Kampanjo 2000" la Komitato, jam en la pasintaj jaroj, instigis la landajn asociojn starigi laborplanon por la jaroj 1998 - 2000 prepare al la nova jarcento. Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj pretigis tion kaj laboras flue laŭ tiu plano.

Dek-kvar landaj asocioj klopodas plibonigi la lernadon kaj instruadon de Esperanto. En dek-kvin landoj oni kolektas la historiajn memoraĵojn de la fervojista Esperanto-movado kaj konservas la kulturajn heredaĵojn.

Naŭ landaj asocioj raportas pri la fortigo de la membrara bazo. Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj priskribas la disvastigon de informoj pri Esperanto kaj IFEF.

Jam en la pasinta jaro, kaj ankaŭ nun denove mi povas konstati, ke je la efiko de la laborplano "Kampanjo 2000" movas kaj fortigas la movadan laboron ankaŭ en tiu tereno, kie ĝis nun la landaj asocioj agadis malmulte. Mi esperas, ke la movado de "Kampanjo 2000" utilas kaj helpas al la esperantistoj, al la Esperanto-movado por :

- levi la organizan kaj idean nivelojn de la Esperanto-komunumo,
- levi la prestiĝon de la internacia lingvo,
- ke la lingvo Esperanto kiel oficiala laborlingvo de FISAIC estu daŭre uzata en la kadro de FISAIC.

*3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj*

Aŭstrio, Estonio, Germanio, Japanio kaj Slovenio ne havas rilatojn kun la fervojaj administracioj ĉefe pro la privatigo de la fervojo. La novaj fervojaj entreprenoj ne interesiĝas pri Esperanto, kaj ili ne donas financan aŭ alian helpon al la landaj asocioj de IFEF. Eĉ en kelkaj landoj la esperantistoj devas pagi por la uzado de la klubejoj ktp.

La klarigoj de la oficialaj horarlibroj

aperas ankaŭ en Esperanto nur en Ĉeĥio, Danio, Hungario, Jugoslavio kaj Rumanio. Bedaŭrinde ekde 2000 ne plu aperas Esperanto-klarigo en Slovakio. Ankoraŭ kelkaj landaj asocioj raportas pri la instigo kaj klopodo por aperigi la Esperanto-tekston en la horarlibro, sed ŝajnas vane.

Naŭ landaj asocioj havas rilaton kun la landaj fervojistaj sindikatoj, eĉ la ĉeĥa kaj norvega landaj asocioj raportas pri bonegaj rilatoj.

Laŭ la raportoj, 16 landaj asocioj havas bonajn rilatojn kun la landaj FISAIC-organizoj ĉefe en Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Danio, Francio, Germanio kaj Hungario. El ili, 13 landaj asocioj ricevas financajn kaj aliajn subtenojn de la landaj FISAIC-organizaĵoj, kaj en tri landaj asocioj ili nur ricevas senpagajn biletojn por partopreni en FISAIC-aranĝoj. En Belgio, Bulgario, Danio, Francio, Hungario, Rumanio kaj Slovakio la fervojistaj esperantistoj havas oficojn en la FISAIC-organizaĵoj.

Multaj landaj asocioj havas rilatojn kun aliaj fervojistaj kaj nefervojistaj organizaĵoj.

*Organizado de jarkunvenoj*

Dek-sep landaj asocioj aranĝis jarkunsidojn en 1999, entute 610 fervojistaj esperantistoj partoprenis ilin. Inter ili ĉeestis en Rumanio 130, en Bulgario 65, en Ĉinio 60, en Germanio 55, en Hungario 51, en Ĉeĥio 42, en Pollando 37, en Kroatio, Francio kaj Hispanio 30, en Belgio 20 partoprenantoj. Dum 12 jarkunvenoj partoprenis eksterlandanoj, entute 60 personoj. Tiuj ciferoj estas ĝojindaj, ĉar en la pasinta jaro nur 6 jarkunvenoj akceptis entute 22 eksterlandajn gastojn.

En la kadro de la jarkunvenoj oni faris multe da fakprelegoj, ekskursoj kaj aliaj prezentadoj.

Ĉiuj landaj asocioj - krom Estonio, Hispanio, Pollando kaj Slovenio - planas aranĝi jarkunvenon en la jaro 2000.

*5. Organizado de komunaj aranĝoj kun aliaj asocioj*

En pluraj landoj oni aranĝis fervojistajn esperantistajn aranĝojn kune kun aliaj asocioj. Inter ili, la Aŭstroj kiel kutime kunlaboris por aranĝoj de la semajno de Internacia Amikeco, de trilanda Renkontiĝo Alp-Adrio ; la Ĉinoj faris komunajn aranĝojn kune kun Interna Mongolia E-o -Asocio, Tianjin E-o-Asocio, Hubeia E-o-Asocio kaj Guangdonga E-o-Asocio ; la francoj kune kun la landa asocio de Francaj Esperantistoj okaze de festoj ; la Hispanoj kunlaboras en la organizado de la Internacia Esperanto-semajno pri Kulturo kaj Turismo kaj kune kun Kultura Asocio Esperantista ; la Jugoslavoj kune kun la urba Esperanto-Societo de Leskovac okaze de tradicia urbofesto ; la Kroatoj kune kun Kroata Esperanto-ligo okaze de la 3-a kongreso, de kroataj esperantistoj, kaj okaze de la Zamenhof-tago ; la Norvegoj kune kun la landa asocio NEL aranĝis membro-kunvenojn en Hamar kaj Sarpsborg, ili komune aranĝis la Nordian Kunvenon kaj la Jarkunvenon ; la Rumanoj kun la Rumana Esperanto-Asocio okazigis kelkajn aranĝojn. Do la vico estas rekoninda.

*6. Interrilatoj kun Esperanto-organizoj*

Dek-ses landaj asocioj havas rilaton kun UEA pere de siaj landaj E-o-Asocioj. Kvar landoj interrilatas kun la landaj grupoj de SAT.

Dek-kvar landaj asocioj havas bonajn kontaktojn kun aliaj Esperanto-organizoj, ekzemple kun najbaraj IFEF-Asocioj, E-o Institutoj, E-o-Muzeoj, E-o-Bibliotekoj, Kultura Centro Esperantista, Centro de Dokumentado kaj Esploro, ILEI, IKUE, KELI, IPTEA, MEM, UMEA ktp.

Laŭ la raportoj 15 landaj asocioj havas entute 55 fakdelegitojn de UEA pri fervojo.

*7. Informado en plej vasta senco*

Laŭ la raportoj dek-unu landaj asocioj kolektis gravajn informojn kaj sendis ilin al IFEF.
En 13 landoj oni nomumis respondeculon, kiu provizas per aktualaĵoj la redaktoron de nia revuo Internacia Fervojisto. Tiu cifero estas bona kaj bela, sed tamen la redaktoro de IF plendas, ke li ricevas nur kelkajn artikolojn por IF. La plej agema landa asocio estas la ĉeĥa.

Dek-tri landaj asocioj raportas pri la informado al la fervoja administracio, al la sindikatoj, al la publiko. Multaj landaj asocioj raportas pri la dissendo de priesperantaj informmaterialoj, unufoliaj, plurfoliaj kaj afiŝoj. La materialojn oni dissendis ĉefe al deĵorejoj, al vizitantoj okaze de ekspozicioj, al la institutoj, bibliotekoj kaj vojaĝagentejoj. Preskaŭ ĉiu landa asocio skribas pri la informado en deĵorejoj kaj stacidomoj per informkestoj kaj murgazetoj, pri la apero de la artikoloj en diversaj tagaj kaj semajnaj gazetoj kaj ĵurnaloj.

En ok landoj aranĝis la fervojistaj esperantistoj eskpoziciojn entute en 20 lokoj, kiujn vizitis pli ol sep-mil interesiĝantoj. En la jaro 2000 dek-kvar landaj asocioj planas aranĝi ekspoziciojn.

Pli ol okdek fakprelegoj okazis en deksep landoj pri la fervojaj novaĵoj, ekskursoj, kongresoj kaj movadaj temoj.

Ok landaj asocioj raportas pri la prezentaĵoj, sciigoj kaj intervjuoj en radio - kaj televido - programoj.

*8. Varbadado*

Laŭ la raportoj en la jaro 1999 tri landaj asocioj plialtigis la membro-nombron de la IFEF-anoj : Ĉeĥio je 45, Francio je 49 kaj Hungario je 13 personoj. Malkreskis la membronombro pli-malpi en Belgio, Bulgario, Ĉinio, Germanio, Italio, Hispanio (draste), Jugoslavio, Kroatio, Norvegio, Pollando (draste), Svislando.

En dek-kvin landoj oni faris memstaran lingvo-kurson, entute 52 kursojn. La nombro de la kursanoj entute estis pli ol 400. Koncerne la kursojn ekstaris Hungario kun ses kursoj kaj 114 kursanoj (verŝajne pro la 52-a IFK), Rumanio, Italio, Bulgario, Francio kun pli ol 30 kursanoj.

Dek-kvin landaj asocioj planas aranĝi lingvo-kursojn en 2000, entute 60 kursojn.

(Sekvo en la venonta numero)

István Gulyás
Vicprezidanto de IFEF

************************************************************************

## Alloga propono

Ni, E-geklubanoj el Česká Třebová (Ĉeĥio), deziras gaje ekpaŝi novan miljaron. Dum solena adiaŭo kun nuna miljaro, ni aranĝos leteresperon. Bonvolu sendi al ni bildkarton el via lando ĝis fino de novembro 2000.

Unu el vi, gesendontoj, estos balotade elektita kaj povos travivi senpage unu semajnon en nia urbo (escepte de vojaĝkosto). Ĉiu sendinto de salutbildkarto ricevos E-bildkarton de nia urbo.

Bildkarton, bonvolu sendi al adreso :

***Anna Pištorová, Nové nám 1746***

***CZ- 56002 Česká Třebová***



# El niaj landaj asocioj

## Solena kunveno okaze de SIA en Vieno

Dum la Semajno de Internacia Amikeco (SIA), okazis la 15-an de februaro 2000 je la 17.30 horo en la libertempejo de la fervojistoj en Vieno, Aŭstrio, komuna arango de Aŭstria Esperantista Federacio (AEF) kaj Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio (AEF).

Inter pli ol dudeko da partoprenantoj ankaŭ estis reprezentantoj de Ĉeĥa L.A. de IFEF. Programo konsistis el alporoloj de reprezentantoj de la partoprenantaj organizoj, la pli posta ĉefa programo estis triparta diapozitivo-projekciado de inĝ. Walter Huber, la AFEF-prezidanto, pri Tajlando. Ĉeĥa reprezentanto de IFEF-FISAIC kaj Ĉkn de IFEF Jindřich Tomíšek salutis je la nomo de IFEF kaj Ĉeĥa L.A de IFEF-FISAIC. Ili invitis al la 52-a IFEF-Kongreso en Budapeŝto kaj al la printempa Konferenco de Ĉeĥa L.A de IFEF okazonta 24-26an de marto en la nord-moravia banurbo Jeseník, kaj informis pri la eldonita nova trilingva fakterminaro Ĉina - Esperanta - Angla en Ĉinio kun sume 20319 fakterminoj kaj pri la lastatempa - aktivado de la Ĉeĥaj Fervojoj.

La sukcesa arango finiĝis per amika babilado de la partoprenantoj en internacia lingvo. Jindřich Tomíšek

## Invito al GEFA-jarkunveno

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) okazigos ankaŭ en 2000 sian tradician jarkunvenon. Ĝi okazos inter la 6-a kaj 8-a de oktobro 2000 en Berlin.

Kongresejo kaj tranoktejo estos la hotelo Kolumbus, kiun oni atingas de la stacio Berlin-Lichtenberg per aŭtobuslinio 256 post 8 minutoj.

Kotizo por partopreno : 35 germanaj markoj (DM),

Prezoj por unu tranokto inkluzive matenmanĝo :
- en ĉambro por unu persono 87 DM,
- en ĉambro por du personoj 57 DM
- en ĉambro por tri personoj 50 DM.

La riĉa programo antaŭvidas i.a. festvesperon kun danco kaj vizito da levadinstalaĵo por ŝipoj en Niederfinow.

Ni multe ĝojus, se ni povus bonvenigi niajn eksterlandajn geamikojn.

Petu aliĝilon eble plej baldaŭ al :

**GEFA-sekretariejo**
**s-ino Helga Vogelsang,**
**Riesenbergsiedlung 48,**
**D-99755 Elrich;**
**telef. 036 332-21 395.**

Ĝis revido en Berlin, ĉefurbo de Germanio!

W. Barnickel

## Tri generacioj de lokomotivestroj

La unua fervojo en Norvegio, 68 km-ojn longa, inter Kristiania" - nun Oslo - kaj Eidsvoll, estis inaŭgurita la unuan de septembro 1854.

La inaŭgurtrajnon stiris la lokomotivisto William Graham, kiu venis de Anglio. Li deĵoris en sia nova patrolando ĝis 1890. Lia filo William Graham estis unue lokomotivhejtisto kaj poste lokomotivestro.

Same faris ankaŭ lia filo Rolf Graham. En septembro 1954 trajno veturis en distanceto okaze de Oslojubileo, kaj la lokomotivestro nomiĝis Rolf Graham. Pri ĉi tio, li, en intervjuo en 1977, diris : " Estis vere agrable esti lokomotivestro de la fama glorkronita "Caroline".

*Eltiraĵo de libro pri rakontoj de fervojistoj*

Jes, estas unike, ke inaŭgurtrajno estis stirita de la unua generacio de lokomotivestro kaj la jubilea trajno de la tria generacio de lokomotivestro.
Odd Kolbrek

# 44-a Jarkunveno de JAFE Prioritato al la junularo

Post dujara paŭzo kaŭzita per konataj okazaĵoj (bombadado), jugoslaviaj fervojistaj esperantistoj okazigis meze de aprilo en Beograd sian 44-an jarkunvenon. La jarkunvenon ĉeestis kelkaj dekoj da membroj de JAFE el Beograd, Leskovac, Niŝ, Novi Sad (Senta), Vranje kaj aliaj lokoj.

Jugoslaviaj fervojistaj esperantistoj reagis pasintjare kontraŭ bombadado de sia lando, inter alie, per eldono de speciala numero de sia bulteno JUGOSLAVIA FERVOJISTO, kiun ili sendis kiel kutime al ĉiuj landaj asocioj de IFEF. Multaj eksterlandaj legantoj reagis pozitive al tio, kondamnante militon kiel solvon de politikaj problemoj. Bedaŭrinde, pro tia situacio membroj de JAFE ne povis partopreni la 51-an kongreson de IFEF en Le Mans (Francujo), sed oni tamen tie tralegis ilian fakan kontribuaĵon pri enkonduko de eŭro flanke de eŭropaj fervojoj (aŭtoro: M-gro G. Sredić).

Spite al ĉio pluraj societoj ankaŭ pasintjare okazigis porkomencantajn kaj daŭrigajn Esperanto-kursojn por fervojistoj. Post ĉeso de bombadado oni amase renkontiĝis meze de septembro en Leskovac (suda Serbio) okaze de la tiea tradicia festo nomata "Krad-rostilado".

La jarkunveno decidis en la sekvonta periodo dediĉi apartan atenton al la junularo, al kiu oni devus ebligi partoprenon en la Junulara Esperanto-lernejo sur la montaro Kopaonik, en la Somera lernejo en Respubliko Serba kaj en aliaj aranĝoj allogaj por gejunuloj. Kompreneble oni daŭrigos eldonadon de la bulteno JUGOSLAVIA FERVOJISTO (3-4 numeroj) kaj intensigos kunlaboron kun IFEF (fake aplika aktiveco, artikoloj en IF ktp.). Al la bulgaraj gekolegoj ni decidis sendi nian fervojfakan terminaron (kun 10 200 terminoj) por helpi al ili traduki tiun materialon en sian propran lingvon.




*La prezidanto de JAFE M-gro G. Sredić prezentas dokumenton al la kunvenantoj*

Fine de la jarkunveno oni elektis novan kvinkapan estraron kun Bojana ANDREJEVIĆ el Niŝ, kiel prezidantino. Pri la okazaĵo detale raportis gazeto PRUGA (Relvojo) de Fervoja transport-entrepreno, Beograd.

F. Ero

Fotis: Nebojŝa Stanković

************************************************************

## En Aŭstrio Jarkunveno de AEF

Ĝi okazos vendredon la 27-an ĝis la 29-a de oktobro 2000 en Vieno.

Aliĝo ĝis la 15-a de septembro 2000 al :

**AEF**
**Postfach 117**
**AT-1103 Wien**

Petu aliĝilon al tiu supra adreso.

**Programo**

***Vendrede 27-an*** : Alveno de la partoprenantoj Je la 17-a, Ĝenerala kunveno de AEF.

***Sabate 28-an :***

Matene je la 11-a, vizito de la flughaveno.

Posttagmeze, vizito de la amuzejo "Prater".

***Dimanĉe 29-an*** : matenmanĝo, promenado en la apuda Danuba Parko aŭ forveturo hejmen.

# Nacia kongreso de la fervojistoj en Francio
# Estrarkunveno de IFEF

Nacia kongreso de la francaj fervojistoj okazis en Saint-Mandrier-sur-Mer (ĉe mediteranea marbordo) de la 24-a ĝis la 29-a de marto 2000. Cent unu kongresanoj, el kiuj 20 eksterlandanoj, ĝuis agrablan etoson kaj interesajn vizitojn de la provenca regiono. Tiun kongreson altvaloris prelegoj faritaj de :

- D-ro Romano Bolognesi pri
  "La kultura origino de la homa komunikado"
  " La eltrovo de la skribo"
- D-ro Thierry Saladin pri
  "Integriĝo kaj Esperanto"
- S-ino Majra Baradosova pri sia lando
  "Kazaĥio"

Post tiu kongreso IFEF-estraranoj kunvenis por daŭre pridiskuti pri la estonteco de nia movado. D-ro Renato Corsetti vicprezidanto de UEA, d-ro Petro Chrdle estrarano de UEA pri faka kaj scienca agadoj kaj Honora Membro de IFEF Lucien de Sutter, partoprenis tiujn labortaskojn cele al, pli profunde, trakti la evoluon de nia federacio.

Venonta nacia kongreso de la fervojistoj okazos en Thionville (orienta parto de Francio) de la 30-a de marto ĝis la 4-a de aprilo 2001.



*D-ro Romano Bolognesi prelegas*

Jean Ripoche

# Luksa trajno en Sudafriko

Sudafrikaj Fervojoj renovigis komplete sian ĝisnunan luksan trajnon kaj disponas depost 1999, laŭ prijuĝo de vojaĝagentejoj en 181 landoj, la plej luksan trajnon en la mondo. Ĝia nomo : "Blua Trajno II". Inter la 18 vagonoj, estas destinitaj 11 por pasaĝeroj. En la apartamentsimilaj kupeoj troviĝas i.a. bankuvoj kun orumitaj akvokranoj kaj marmoraj plankoj. Muroj kaj koridoroj estas kovritaj per betula ligno. Ne mankas telefono, televidilo, instalajoj por radio, videofilmo kaj kompaktdisko. En tipe brita salonvagono estas servataj sudafrikaj vinoj en kristalaj glasoj. 42 gastoj povas konsumi manĝajojn en la restoracivagono. Krome, ekzistas aparta koktelvagono kaj komplete ekipita tuklavmaŝina vagono.

La Blua Trajno II traveturas per rapido de 110 km/h la 1 596 km-ojn longan fervojlinion de Johannesburg tra Pretoria al la akvo-faloj en Zimbabvo dum du tagoj. La pasaĝeroj tranoktas unufoje en la trajno. Du ĝis kvar dizelaj kaj ses elektraj lokomotivoj necesas por ĉiu veturado. La servistaro konsistas el 27 personoj, inter ili unu trajnĉefo, lokomotivestro kaj ĉefkuiristo, kaj du servistinoj, 11 servistoj, ses kelneroj, kaj kvin kuiristoj. Du teknikistoj akompanas la trajnon. En cisterno la trajno transportas 31 000 litrojn da akvo. Freŝaj manĝajoj estas transportataj per aviadilo al diversaj stacioj.

*Fonto : Frankfurter Neue Presse (jan.99)*

W. Barnickel

SAFE -Slovakia Asocio de Fervojistoj -Esperantistoj kore invitas vin al

## 42-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno
## Slovakio -TATRANSKÁ LOMNICA -Vysoké Tatry
## de la 20-a ĝis la 27-a de Januaro 2001

*Adreso de lá Loka Organiza Komitato (LOK)*

Inĝ. Magdaléna Feifiĉovà, A. Bernolàka 25/5, SK 010 01 ŽILINA, Slovakio
Skisemajna bankkonto (en DM), kies n-ro estos anoncita en venonta Internacia Fervojisto aŭ rekte al aliĝontoj.

| ***KOTIZOJ*** | *ĝis la 25. 10. 2000* | *ekde 25. 10. 2000* |
|---|---|---|
| aliĝkotizo por IFEF-membroj | 40 DEM | 60 DEM |
| aliĝkotizo por IFEF-membroj el la ekssocialismaj landoj | 15 DEM | 15 DEM |
| aliĝkotizo por IFEF-nemembroj | 50 DEM | 70 DEM |
| tranokto-prezo en dulita ĉambro kun deviga regiona alpago, maten-kaj vesper-manĝo | 440 DEM | |
| tranokto-prezo en unulita ĉambro kun deviga regiona alpago, maten-kaj vesper-manĝo | 530 DEM | |
| tranokto-prezo en trilita ĉambro kun deviga regiona alpago, maten-kaj vesper-manĝo | 380 DEM | |

 ------------------------------------------------------------------------------------------------

**42a Internacla Fervojista Esperanto-Skisemajno -**
**TATRANSKÀ LOMNICA, Vysoké Tatry -Slovakio, 20-an -27-an de januaro 2001**

**Koncizigita ALIĜILO**
**(Por ĝeneralaj instrukcioj, sin turni al la supra adreso)**

Viro ☐ Virino ☐ IFEF-ano: jes ☐ ne ☐ Vegetarano: jes ☐ ne ☐ */
Naskiĝdato: ................................................N-ro de la pasporto: ..........................................................
FAMILIA NOMO: ................................Antaŭnomo: ..............................................................
ADRESO: Lando: ..........................................Landkodo: ..........................Poŝtkodo:.............
Loĝloko: .......................................................... Strato: .................................................................
Mi volas loĝi: sola ☐ */ kun:
1. .........................................................
2. ..................................................................................................................................................
Mi pagas samtempe por s-an/in/o ☐ Por mi pagas s-an/in/o ☐ ..............................................
Alveno al Poprad : sabaton la 20an de januaro 2000 je la ........................ ........ horo

**/ bv. meti krucon en koncernajn kadretojn*

Mi pagas: kotizon ..................DEM, tranoktadon .........................do entute ........ ............DEM
Per mia subskribo mi konfirmas, ke mi entreprenos la aranĝon proprariske kaj neniu alia krom mi respondecos pri miaj eventualaj sandifektoj kaj domaĝoj je mia havaĵo.

Dato: .......................................................................... Subskribo: ...................

*Plenigas Loka Organiza Komitato (LOK)*
*Alveno de aliĝilo : ..............N-ro de aliĝilo : ..............Alveno de pago : ..............Leterkonfirmo :..............................*

1 .**Limdato por aliĝi :** ĝis la 25a de oktobro 2000.
2.**Atingebleco:** Tatranskà Lomnica estas atingebla el fervojstacio Poprad-Tatry, kiu troviĝas sur la ĉefa fervojlinio kaj estas facile atingebla el ĉiuj direktoj (de Prago tra Žilina, de Vieno tra Bratislava, de Bukaresto tra Košice ... ). El Poprad oni povas veturi al Tatranskà Lomnica per t. n. Tatroa Tramo tra Stary Smokovec aŭ per trajno tra Studeny Potok. Kaze de sufiĉa nombro da aliĝintoj eblos mendi aŭtobuson, kiu veturigos tutan grupon surloken.

# Hanovro en preparo por EXPO 2000

Germana urbo Hanovro estas urbo de la foiroj kaj al tio, ankaŭ respondas spertoj por organizi tiom vastajn agojn, kiel ekzemple la prestiĝan ekspozicion pri informatiko CeBIT. Tio estas bonaj premisoj : trovi solvojn por garantii transportpriservon en la urbo organizanta la mondekzpozicion EXPO de junio ĝis oktobro 2000. Oni supozas, ke la mondekspozicion vizitos proksimume 40 milionoj da personoj. En la pinttagoj povas alveni 450 mil vizitantoj. Por kompari, ni menciu, ke en la urbo mem loĝas 525 mil personoj.

Por plenumi tiom grandan plialtigon de la amastransporto oni jam finis aŭ finkonstruas kelkajn investo-agojn. Al tiuj plisignifaj apartenas modernigo de la ĉefa fervoja stacio, aranĝo de la interŝanĝhaloj inter la urba trafiko (StadtBahn) kaj rapidtrafiko (S-Bahn), nova linio de la urba trafiko al sudokcidenta kvartalo kaj al la ekspoziciejo, 9,3 km-ojn longa kun 14 haltejoj kaj finhaltejo. Tiu modernigita sistemo ebligos transporti 60 000 pasaĝerojn tage. Por nova remizo de la urbo-trafiko en la kvartalo Leinhausen, por 144 novaj veturiloj surtrakaj, oni faris komunan aranĝon kun bontenejo trakveturila Deutsche Bahn AG (DBAG).

Al aliaj gravaj projektoj viciĝas enkonduko de la novaj interligitaj aŭtomatoj kun elektromagnetaj kartoj. Bazan rolon ludos ankaŭ S-Bahn, kiu en Hanovro funkcias jam ekde la sepdekaj jaroj. Oni ankaŭ kalkulas finkonstrui 226 km-ojn longan reton kun 59 stacioj, el tio 56 km-oj da linioj ekskluzive por S-Bahn. Temos sume pri kvin linioj, inter ili estas kunligo al la flughaveno - ĉefa fervoja stacio-foirejo. Al pli vastigo de S-Bahn apartenas ankaŭ aĉeto kaj ekspluatado de 40 novaj kvarvagonaj trajunuoj tipo ET 424.

Apud la foira areo elkreskis nova stacio por S-Bahn kun nomo Bf. Hannover-Messe/ Laatzen, kiu en tempo de la EXPO 2000 fariĝos, krom por normale trakciantaj longdistancaj trajnoj D.B, portempa haltejo por rapidtrajnoj - trajunuoj ICE.

La nova fervoja stacio en Laatzen havas duetaĝan pasaĝerkajon 125 m-ojn longan. Kunligo al la forirejo mem estas garantiita per movebla trotuaro en vitrita supertera tubego 320 metrojn longa.

Fine konvenas mencii, ke investoj por la supre cititaj ĉefaj projektoj en amastrafiko (inkluzive ĉi tie menciitaj konstruaĵoj ekzemple sur la loka flughaveno kunlige kun ekspozicio EXPO 2000) estas antaŭviditaj por kosto de 2,5 miliardoj da DM.

Jindřich Tomíšek

&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&

## Pliampleksigo de trajnoj el Zürich al Luzern

Kreskanta nombro de la pasaĝeroj kaj superŝarĝado de iuj transportinterligoj instigis Svisajn Federaciajn Fervojojn SBB pliampleksigi trajnojn InterRegio sur linio Zürich -Zug -Luzern. De post fino de novembro 1999 ili proponas por la menciitaj trajnoj 64 kromajn sidlokojn en la 1-a klaso kaj 82 en la 2-a.

Jam ekde horaro 1999/2000 trajnoj veturas ĉiun duonhoron. Ili estas formataj el la plej modernaj duetaĝaj pasaĝervagonoj IC 2000.

Jindřich Tomíšek

**INTERNACIA FERVOJISTO**
52-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto-kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto** : Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio

**Vicprezidanto** : István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario

**Sekretario :** Ernst Quietensky
Pappenheimgasse 70/3
AT/1200 Wien

**Kasisto** : Henning Hauge
Banegårdspladsen
DK-9700 Brønderslev, Danio

**Dana poŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banegårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando, aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1378 BUDAPEST, Hungario

VIG 2000.289

## Norvega fervojo fariĝis 75-jaraĝa en 1999

Sepdek kvin jara jubileo ne estas speciala evento por fervojo, sed, tamen indas priskribi la jubileon de la Raumo fervojo. Ĝi estas priskribita en "Internacia Fervojisto" n-o 5 /1998.

Speciala, jubileo-trajno, kun bele ornamita, malnova dizellokomotivo, iris de Dombås al Åndalsnes. Unu el la pasaĝeroj estis 94 jaraĝa virino, kiu havis postenon dum la konstruado de la Rauma fervojo, kies inaŭguron ŝi partoprenis. Ŝi rakontis pri la travivaĵoj kaj pri la streĉiga laboro per la tiutempaj primitivaj laboriloj, dum la dekdu jaroj, dum kiuj konstruiĝis ĉi tiu 113 km-ojn longa fervojo.

Kiam la trajno haltis en la stacio Verma por honorigo kaj memorigo de la laboristoj, kiuj pereis pro akcidentoj, ŝi, emocie, metis florkronon sur la memorŝtonon. En Åndalsnes estas, honore al la konstruintoj de la Rauma fervojo, starigita monumento "Rallaren", kiun oni senvualigis post kiam la jubileo-trajno alvenis. La jubileo finiĝis per arangado kaj festo en Åndalsnes. Dum la bankedo prezentiĝis la sama menuo, kiel dum la bankedo de la Rauma fervojo, oni proponis al la tiama Reĝo Haakon VII.

*Eltiraĵo el la faka jurnalo de la Norvega Ŝtata Fervojo "Vingehjulet"*

Odd Kolbrek

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.